# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

29a jaro JANUARO-FEBRUARO 1977 N-ro 1



*La "Festiniog Railway" en Britio.*

## POSTKONGRESO EN SHEFFIELD

Postkongresa semajnfina aranĝo okazos en Sheffield por 25 ĝis 30 fruaj anoncantoj. De la Swanwick Kongreso, ni veturos vagonare al Sheffield; tie ni instaliĝos ĉe la tre moderna Y.M.C.A. hejmo. Libere ni iros tiam por tagmanĝi ĉe la apuda kooperativa restoracio.
Sheffield estas bona centro por vizitoj al belaj kamparo kaj erikejo, interesaj kasteloj 600 jar-aĝaj, renovigita akvomuelejo, industria vilaĝo, muzeoj kaj artpentraĵoj.
Konsilinde estas la portado de ŝuoj por promeni. Aranĝo estas vizito al Doncaster (trajne), kaj, de tie, ŝipa vojaĝo laŭ la kanalo al Conisborough. Tie ni vizitos la antikvan kastelon, fortikaĵo de Suda Yorkshire, kun vizito al la parko kaj bela preĝejo. Alia vizito estos al la industria vilaĝo kie la ŝtalo estis fandita krisole ĝis la akra tranĉilo kaj klingo (treege interesa vizito).
Sude de Sheffield troviĝas Bolsover Kastelo kun bela super-rigardo. Vespere ni povos distri nin kun lokaj esperantistoj. La tranoktado kun matenmanĝo por 3 noktoj kaj kun luo de ĉambroj por distro ktp. kostos 10 pundoj po persono; ekskursoj, vizitoj, tagmanĝoj kaj vespermanĝoj estos krom tio. La tuta semajnfino kostos malpli ol £ 16.
La ĉambroj estas unupersonaj, kelkaj dupersonaj kaj aliaj kvarpersonaj. Vespermanĝo estos havebla ĉe la memserva restoracio en la hejmo laŭvole.
Anoncu vin al s-ro H. J. CLAYTON, 234 WARMINSTER ROAD – SHEFFIELD – S8.8PR. Transpagu 10 pundojn al la sama adreso. – Kooperativa Banko n-ro 106420.08 9075.03000188.

Venu kaj ĝuu pli de Anglujo!

H. Clayton.

---

### LASTAN MINUTON . . .

**Laŭ rekomendo de la direktoro de la konferencejo "The Hayes", L.K.K. sciigas, ke estus e g e m a l s a ĝ a vojaĝi al SWANWICK sen anonco, ĉar ne estos loko en la kongresejo por tiuj personoj. Ili devos mem serĉi hotelon en malproksima loko; kaj tiuj hoteloj estas multekostaj kaj estas nekonvena vojaĝi regule al kaj de la konferencejo.**
**Do, ne venu al Swanwick se vi ne jam normale enskribiĝis!**

---

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO**
**Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO**
**Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO**

# PROGRAMO DE LA 29-a IFEF-KONGRESO EN SWANWICK – 12 – 20 DE MAJO 1977

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Ĵaŭdo 12/5 | | | | | | | | | gazetara konf. | | estr. LKK | vesper-manĝo | | | | |
| Vendredo 13/5 | | alveno kaj akceptado<br>giĉetoj malfermitaj | | | | | | | | junul. kom. | | | interkona vespero | | | |
| Sabato 14/5 | | inaŭguro | | | fotado | | ekskurso al Crich | | | | | | unua folklora vesp.<br>irlanda - kimra | | | |
| Dimanĉo 15/5 | matenmanĝo | di-servo | 1a kunsido (nepublika) | | | tagmanĝo | fakprel. kom.<br>junulara kom. | | futbalmaĉo | | | vespermanĝo | internacia balo | | | |
| Lundo 16/5 | | terminara kom. I | historia kom. | | | | ekskurso al Stoke-on-Trent | | | | | vesper-manĝo | | surpriza vesp. | | |
| Mardo 17/5 | | varbado-inf. kom. I | | fakprelego | | | 2a kunsido (publika) | | | | | | | | | |
| Merkredo 18/5 | | plenkunsido | | | | | varbado-inf. kom. II | | term. kom. II | | | | dua folklora vesp.<br>angla - skota | | | |
| Ĵaŭdo 19/5 | | tuttaga ekskurso al York | | | | | | | | | | | bankedo<br>fermo de la kongreso | | | |
| Vendredo 20/5 | | aŭtobusoj al Alfreton & Mansfield Parkway | | | | | | | | | | | | | | |

## 29-a KONGRESO DE IFEF – 13-a - 20-a Majo 1977
## en The Hayes Conference Centre, SWANWICK, Derbyshire, BRITIO

Adreso de LKK: 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio.

### LA KONGRESEJO PLENPLENA JAM ALIĜOJ

LKK ĝojas, ĉar la kongresejo estas "plena", kaj samtempe malgaje informas ke ĝi ne povas akcepti pluajn aliĝontojn. Estas 350 litoj en la kongresejo, 350 personoj povas manĝi en la manĝsalono, kaj estas komforta spaco por la sama nombro en la granda salono kie okazos la Inaŭguro sabaton matene, la Interkonatiĝa vespero vendredon (la 13an), la Britaj vesperoj sabaton kaj merkredon, la Internacia balo je dimanĉo vespero, kaj la Internacia vespero je mardo vespere.
Ĉar hoteloj estas malproksimaj, neoportunaj, sed tre altprezaj, LKK decidis limigi la nombron de kongresanoj al 350. Tiu nombro evitos la ĝenaĵon de tro plenigota salonego dum la distraj vesperoj. Do, la koroj de la LKK-anoj sangegas ĉar ili ne nur devas rifuzi pli da aliĝontoj, sed devas resendi kotizojn jam en, aŭ survoje al la bankkonto. Mi neniam imagis ke estos tiom da sango en la koroj de LKK-anoj.
Kutime estas nombro de aliĝintoj kiuj pro variaj kaŭzoj finfine ne povas veni al la kongreso; la LKK petegas tiujn-ĉi, ke ili kiel eble plej frue informu LKKon por ke iu/j el la rezervlisto povu esti akceptata/j.
El la 348 kiuj jam aliĝis estas 74 germanoj, 61 francoj, 56 nederlandanoj, 40 hispanoj, 23 bulgaroj, 19 britoj (oni devas mencii la britojn) 16 svedoj kaj 13 el variaj aliaj landoj.




### VOJAĜO

Ĉar la ekskurso al York estos tute per aŭtobusoj, ne necesas mendi senpagajn biletojn al York. Sed por tiuj kiuj iros poste al Sheffield, York, aŭ pli norden, estus dezirinde.
La ĉefo de la London Midland Regiono de British Rail kies oficejo estas en Nottingham, kaj en kies regiono estas Alfreton, informas ke la horoj de la trajnoj al Alfreton estos ŝanĝataj komence de Majo. Ni montros la novajn malsupre.
La Regionestro ankaŭ mencias ke estas konsilinde ke tiuj kiuj venos per la noktŝipo de Hoek van Holland al Harwich (Parkeston Quay) trafu la trajnon kiu ekveturas de Parkeston Quay je 07.28 kaj iras laŭ orient-anglaj urboj al Lincoln, Nottingham, al Alfreton, kie ĝi alvenus je 11.31. Tiu ĉi vojo evitas la ŝanĝon en Londono de Liverpool Street stacidomo al St. Pancras. Kaj la pasaĝeroj vidos iom de meza Anglio.
Ankaŭ por eviti ke iu trajno estu tro plenplena, la estro sugestas ke parto de ili trafu la trajnon al Derby.

Ni ankaŭ aldonos la horojn de la trajnoj al Derby kaj se kelkaj informos lin ke ili venos laŭ Derby, la LKK aranĝos ankaŭ aŭtobusojn de tie al kongresejo. Alfreton estas 5 km for de la kongresejo, Derby estas 21 km for.

**La novaj horoj de St. Pancras estos jene:**

| St. Pancras | Alfreton |
|---|---|
| 10.01 | 12.30 |
| 12.01 | 13.01 (?) |
| 15.01 | 17.30 |
| 16.16 | 18.25 |
| 17.20 | 19.27 |
| 19.00 | 21.35 |
| 20.05 | 22.40 |

| St. Pancras | Derby |
|---|---|
| 11.01 | 15.02 (?) |
| 14.01 | 16.02 |
| 15.55 | 18.03 |
| 16.50 | ? ? ? |
| 17.26 | 19.59 |
| 18.15 | 20.21 |

La 16.50 atingos Derby-on post ŝanĝo en Leicester (pron. Lester).
Provu informi la LKK-on pri la trajno kiun vi esperas trafi de St. Pancras aŭ de Parkeston Quay se vi venos per la 07.28 kiu iros senŝanĝe, kvankam iomete zigzage de Parkeston Quay al Alfreton.
Mi esperas doni ĝisdatan informon pri la trajnoj en la proksima I.F.

## DISTRAĴOJ

### LA MANAKEN-PARADO

Okaze de la Gekongresana Vespero ni esperas prezenti la Boulton-an Teatraĵeton "Maneken-Parado". Ni bezonos naŭ volontulinojn, el kiuj nur unu fakte bezonos esti vera sperta Esperantistino. La aliaj portos la kostumojn, paŝos gracie, ridetos ĉarme al la publiko.
Aldone al tiuj laŭ la Boultona robojn-priskribo, ni eble aranĝu ke ankaŭ paradu iuj kiuj portos sian nacian aŭ regionan kostumon. Ĉiu regiono po almenaŭ unu.



*Ĉefenirejo de la Kongresejo.*

Tiuj kiuj volas helpi LKK-on pri tio ĉi, bonvolu sin anonci al LKK dimanĉon matene.

## VIZITOJ

La nova trinkejestro de La Verda Stelo esperas havi "specialan permeson" malfermiĝi je la 17a horo Lundon la 16an de majo por akcepti la kongresanojn antaŭ la reiro al The Hayes, post la vizito al la urbodomo en Old Stoke. Kompreneble oni pagos proprajn trinkaĵojn.

LKK nun havas la taskon traduki la gvidlibron de la nacia fervoja muzeo en York, kaj dum la vizito al York oni esperas malkovri ŝildon en la enirejo sur kiu estos la informo ke la gvidlibro estas havebla en Esperanto.

## LINGVO

La famkonata verkistino Marjorie Boulton, kiu havas la Diplomon pri Instruado pere de la Rekta Metodo, konsentas veni al The Hayes por plibonigi la "iomete-ulojn" al la "sufiĉe bone" grado, kaj poluri la "sufiĉe bone" ulojn al la "fluege" grado.
Se iuj ne komprenas la urĝecon lerni Esperanton — sufiĉe — antaŭ partopreni E-kongreson, oni povas averti ke sur la pordoj de gravaj ĉambroj en la kongresejo ili vidos bildojn de personoj iuj en kilto, iuj en pantolono; kaj se ili ne povas legi la Esperantajn afiŝojn, eble la viroj supozus ke la kilta pordo estas por la Skotaj Sakŝalmistoj (kiujn ili vidos — kaj aŭdos — sabaton matene aŭ meztage). Kaj virinoj en pantolono fakte NE rajtas malfermi la "pantolona" pordon.
Ĉu mi antaŭe diris ke tiuj kiuj metis krucon en la "nenion" kvadraton, havos ruĝan nomrubandon sur la kongresinsigno. La "iomete"-uloj havos flavan, la "sufiĉe"-uloj portos bluan, kaj la "fluante"-uloj parados verdajn literojn. Do se vi tro modeste taksis vian kapablon, aŭ pli studus la lingvon antaŭ fino de venonta marto, bonvolu informi la LKK Insigniston.

## ORGANIZAJ AFEROJ

La pensiono £ 30,00 en la kongresejo estas de vespermanĝo vendredon la 13an ĝis matenmanĝo je la 20a, la tago de la adiaŭo.

La "baro" — trinkbufedo — en la kongresejo estos malfermota proksimume unu horon antaŭ la horoj de la ĉefmanĝoj. Pardonu! Ne antaŭ la matenmanĝo.

La LKK.



# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 29-a IFEF-KONGRESO

**1a kunsido Estraro/Komitato**
(nepublika)

1. Malfermo kaj konstato de mandatoj
2. Prezento kaj konfirmo de junularaj kromkomitatanoj
3. Elekto de ĉefkomitatano
4. Honorigoj
5. Evoluo de la pola problemo
6. Diskuto kongresproponoj
7. Diskuto buĝeto 1978
8. Diskuto de la evoluo en la Junulara Sekcio
9. Eventualaĵoj.

**Kunsidoj Estraro/Komitato** (publikaj)

1. Malfermo kaj konstato de mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3. Raportoj estraraj
   - 3.1 de sekretariino
   - 3.2 de redaktoro
   - 3.3 de kasisto
   - 3.4 protokolo
4. Raporto revizoroj
5. Raporto pri komitata laboro
6. Resumo de raportoj landaj asocioj
7. Kontaktkunveno kaj fakprelego UK Islando 77 kaj ev. 78
8. Rilatoj al aliaj organizaĵoj
9. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   - 9.1 Terminara Komisiono
   - 9.2 Fakprelega Komisiono
   - 9.3 Varbado/Informado–komisiono
   - 9.4 Historio-Komisiono
   - 9.5 Junulara Sekcio
   - 9.6 Koresponda Servo
   - 9.7 Komitatano A de UEA
10. Laborplano
11. Situacio en la Junulara Sekcio
12. Konfirmo Kotizo 1978
13. Buĝeto 1978
14. Kongresproponoj
15. Elekto revizoroj
16. Elekto de kongresloko '78 kaj kongreslando '79
17. Eventualaĵoj.

**Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Pri taskoj kaj konsistigo de la konsilantaro
2. Proponoj pri kompletigo aŭ ŝanĝo de la gvidlinioj
3. Kompetentoj kaj limdatoj
4. Konciza raporto pri la pasinta laborjaro
5. Prelegoproponoj kaj kunlaborantoj por la 30-a kaj 31-a kongresoj
6. Diskuto kaj instigoj.

Willi Brandenburg,
gvidanto.

**Tagordo por la kunsido de Terminara Komisiono**

1. Stato de traduklaboro pri la UIC-leksikono
2. Stato de traduklaboro rilate terminaretoj
3. Traduko de internaciaj konvencioj, ktp.
4. Sugestoj, proponoj al TK kaj pri aliaj laboroj de TK
5. Interkongresaj renkontiĝoj, pasinta, estonta
6. Elekto de gvidanto kaj sekretario.

Kurt Greutert, ĉefkomitatano,
surbaze de diskutoj kun TK-gvidanto.

**Tagordo por la kunsido de la Varbado/ Informado Komisiono**

1. Ĝenerala agado de la V.I.K. en ĉiu lando
2. Agoj kaj rezultoj pri la temoj menciitaj en la antaŭlasta paragrafo de la raporto 1976 (V.I.K. - Skelleftea - 1976). Vidu IF n-ro 4.
3. Debatoj por eventuala starigo de diversaj punktoj ankoraŭ ne aplikita, (litero B de la raporto V.I.K. - Skelleftea - 1976).
4. Proponoj, diskutoj kaj starigo de agad-plano por 1977/1978.
5. Diskuto pri la reprodukto en ĉiu nacia lingvo de la Esperantoteksto: "Babelismo aŭ Internacia Lingvo"? — eldonita de F.F.E.A.

Pierre Robiolle,
gvidanto.

TAGORDOJ por aliaj KUNSIDOJ (ekz. Junulara Sekcio, Historio-Komisiono) ne atingis min ĝis la 3-a de januaro 1977 kaj tial ne plu povas esti menciataj.

Kurt Greutert,
ĉefkomitatano.

## KONGRESPROPONOJ POR LA 29-a IFEF-KONGRESO

**Kongrespropono n-ro 1**

Nome de la IFEF-estraro prezidanto Giessner proponas jenajn kompletigojn de la IFEF-statuto resp. -regularo:

**1.1 § 7 ĝen-reg. al c)**
Envicigi post la unua frazo jenan tekston:
"La komitato povas delegi al la estraro por 2 jaroj — unu elektoperiodo — la rajton, eltrovi kandidaton por honora membreco interkonsente kun ties landa asocio kaj havigi la postan aprobon de la komitato, kaze ke la cirkonstancoj malfaciligas antaŭan aprobon."
**Komentario:** La komitato jam provizore konsentis tiun ĉi proponon laŭ protokolo Skelleftea pkt. 15.

**1.2 § 15**
Oni aldonu sub "Ĝenerala Regularo" novan punkton: "al (3) Dum kongresoj tamen validas § 15 (1) kaj al (1)."
**Komentario:** Tiu ĉi kompletigo donas pli grandan klarecon.

**1.3 § 18 Ĝenerala Regularo**
Post la tria frazo envicigi la frazon:
"Escepte povas esti elektata fakulo nefervojista por la ofico de la kasisto".
**Komentario:** Tio helpos trovi, se necese, aparte spertan fakulon por la kasista ofico, por kiu ne nepre necesas fervojfakaj scioj.

**1.4 § 23 (1)**
En la sesa linio anstataŭi la komon post "voĉoj" per punkto. Forstreki la reston de tiu ĉi frazo de "kondiĉe" ĝis "estraro" kaj post la nova punkto envicigi jenan frazon:
"Tia ripeta voĉdonado ne okazu en la sama kunveno."
Krome en ĝenreg. al (1) forstreki la unuan alineon.
**Komentario:** La ĝisnuna teksto postulis dufoje la saman proceduron, kio ne estas intencita. Sekve superfluigas la strekota frazo en la ĝenerala regularo.

**1.5 § 28**
Forstreki la punktojn (2) b) kaj c)
d) fariĝas b).
**Komentario:** La praktiko montris, ke la revizoroj fakte ne povas kontroli protokolojn, korespondaĵojn ktp, kiuj plejparte ja ne troviĝas ĉe la kasisto. Krome plene sufiĉas la kontrolado de la kaso kaj librotenado.

**Kongrespropono n-ro 2**

Nome de FFEA (Franca Fervojista Esperanto Asocio) komitatano Robiolle proponas:
Starigon de kalendaro pri ĉefaj manifestacioj.
**Komentario:** Por eviti, kiel eble plej ofte, ke SAMTEMPE, gravaj kunvenoj okazu en najbaraj landoj.
(En 1976, la jarkunvenoj de GEFA kaj AFEF okazis samtempe. Ankaŭ en PARIZO estis grava kunveno dum la sama tago. FFEA bedaŭras, ke neniu reprezentanto ĉeestis la jarkunvenojn de niaj najbaroj).
Pro tio, FFEA proponas, ke la reprezentantoj de la interesataj landoj starigu tiun kalendaron post interkonsento. Tiu diskuto okazus dum la IFEF-kongreso, sen oficiala antaŭvido.

**Kongrespropono n-ro 3**

Nome de FFEA komitatano Robiolle proponas:
IFEF repagu la elspezojn al Fervoja Koresponda Servo.
**Komentario:** La celo de F.K.S. estas: faciligi korespond-interŝanĝojn inter ĉiuj membroj de IFEF.
Ekde du jaroj bonege funkcias tiu servo. Ne kuŝas malfacilaĵoj pri la membroj de la okcidentaj landoj, kiuj aldonas respondkuponojn. Tute male, la orientaj landoj ne povas uzi la respondkuponojn kaj F.K.S. devas mem pagi la afrankan respondon (30 respondoj en 1976).
Do, FFEA proponas, ke IFEF repagu tiujn malgrandajn elspezojn al FKS, cele ebligi daŭran kaj efikan agadon.

**Kongrespropono n-ro 4**

G. Thuesen, komitatano por Danlando, proponas:
IFEF starigu propran medalon aŭ ion alian por publike manifesti la IFEF-honorigon.
**Komentario:** La ideo pri honorigo de IFEF-membroj per FISAIC-medalo ŝajne estas bona ideo kaj bona sukceso. Tamen evidentiĝas en la sistemo io, kio estas iomete fremda kaj nesufiĉe interna. Mankas en la personhonorigo esprimo de nia propra IFEF-interno. Por plivalorigi kaj por loki plej alte la IFEF-membrajn iniciatojn kaj farojn, estus imageble, ke estontecaj honorigoj ordinare okazos tiel, ke IFEF-anoj meritas pro IFEF-laboro honorigon de unuavice: IFEF mem, kaj duavice: FISAIC (se temas pri organizaĵlaboro). Tial eventuale necesas specialaj reguloj por efektivigi tiun ĉi ideon, kaj tial estas la propono: ĉu IFEF per propra medalo aŭ io alia manifestaciu personhonorigon?

**Kongrespropono n-ro 5**

K. Greutert, komitatano por Svislando, proponas:
Pli efikan subtenon de la laboroj kaj klopodoj de komitatano A de UEA.
Tiu subteno devas okazi sur diversaj niveloj kaj per diversaj manieroj, pli precize en:
a) sendo de kopioj pri ĉiuj gravaj kontaktoj inter IFEF kaj UEA (korespondaĵoj, raportoj, k.s.);

b) disponigo de senpaga kongreskarto por IFEF-kongresoj;
c) disponigo de instiga kongres-kompenso por elspezoj kiujn kaŭzas la partopreno de UEA-kongresoj. Tiu kompenso estu 100 ned. guldenoj.
**Komentario:** UEA estas la plej granda ekzistanta esperanta organizaĵo al kiu IFEF estas aliĝinta kaj kunlaboranta. UEA rekonas la valoron de IFEF, kiu estas siaflanke la plej granda faka organizaĵo. UEA kaj IFEF havas intereson al plej vigla kaj fruktodona kunlaboro. Tiuj kontaktoj ĉefe okazas pere de la komitatano A, oficiala reprezentanto de IFEF en la gvida instanco de UEA. Tiu komitatano informas pri IFEF kaj defendas la interesojn de IFEF ĉie kie li povas, ekzemple en la komitato de UEA, en komisionoj kaj fakaj kunsidoj (en Ateno daŭro de kunsidoj al kiuj IFEF estis rekte interesita: 25 horojn). Sed la laboro de komitatano UEA ne nur konsistas el tiu dumkongresa laboro. Dum la tuta jaro li devas trastudi cirkulerojn kaj raportojn, korespondi kun estraranoj, komisionoj kaj unuopaj komitatanoj por daŭre esti aktuale informita kaj por influi favore al niaj fakaj interesoj. Tamen, la proponitaj favoroj, plifaciligoj, por komitatano A ne havas la sencon pagi ties laboron, ĝi estas nepagebla. Sed IFEF povos faciligi kaj stimuli la laboron, kaj iomete moderigi la personajn financajn oferojn de tiu sia oficiala IFEF-reprezentanto. Aparte necesus konsideri:

a) Nia komitatano A povus plenumi sian taskon kaj laboron ankoraŭ pli bone se li estus ĉiam informita pri la klopodoj kaj opinioj de la IFEF-estraro, unua postulo de efika laboro.

b) Pro sia ofico oni atendas de li partoprenon al la IFEF-kongresoj, kie li unuflanke raportas pri sia laboro kaj aliflanke devus ricevi aktualajn informojn pri decidoj kaj okazintaĵoj en la movado mem. Cetere la disponigo de senpaga kongreskarto ne ŝarĝus la IFEF-kason. (La IFEF-estraranoj ricevas senpagan kongreskarton kaj senpagan tranokton).

c) Se iu IFEF-estrarano reprezentas la Federacion (jarkunvenoj, kongresoj aŭ similaj) tiam li rajtas fakturi tiajn kostojn al IFEF (en 1975 reprezentaj kostoj laŭ jarkalkulo 768,80 dkr.). Komitatano A ne havas tiun rajton, kaj tamen li reprezentas IFEF-on ĉe UEA kaj dum la kongresoj. IFEF povus almenaŭ per simbola partopreno al tiuj reprezentaj kostoj, per transpreno de 100 ned. guldenoj, do parteto el la efektivaj kostoj, stimuli kaj faciligi la taskon de sia reprezentanto. Tiujn elspezojn oni menciu kiel reprezentaj kostoj (en buĝeto 1977 estas menciata la sumo de 1000,– dkr. = proks. 450,– ned. guld.).

**Kongrespropono n-ro 6**

K. Greutert, komitatano por Svislando, proponas:
En la bulteno INTERNACIA FERVOJISTO forlasi la rubrikon "Gravaj enhavaĵoj".
**Komentario:** Jam de kelkaj numeroj mi observas, ke en tiu rubriko, kiu celas indiki al la leganto la **plej gravajn publikaĵojn,** oni daŭre mencias **ĉiujn artikolojn,** ankaŭ la plej sensignifan por nia faka movado, kiel grava enhavaĵo. Kulmino nun estas konstatebla en n-ro 5/1976, kie en 8-paĝa bulteno tiu rubriko "Gravaj enhavaĵoj" kun la mencio de la redaktofino (cetere, la bulteno atingis min kaj multajn aliajn legantojn post tiu redaktofino!) foruzas

**duonan paĝon.** En la tuta jarkolekto de la bulteno oni do foruzas proksimume 2 paĝojn, multekosta afero, por tiu absolute nenecesa rubriko.

**Kongrespropono n-ro 7**

K. Greutert, komitatano por Svislando, proponas:
En la INTERNACIA FERVOJISTO la detala protokolo pri la kunsidoj de estraro/komitato ne plu estu publikigata, sufiĉas resumo pri tiu protokolo kun mencio de la plej gravaj diskutoj kaj decidoj.
**Komentario:** La protokolo de Skellefteа ampleksis, en la bulteno IF, 8 paĝojn. Malgraŭ tiu amplekso de la protokolo oni forgesis trovi lokon por mencio de la akceptitaj ŝanĝita buĝeto 1976 kaj buĝeto 1977. Publikigo de tiom ampleksaj protokoloj fariĝas tro multekosta, simpla resumo, koncizigita al la plej esenca reduktita teksto ankaŭ informas la membrojn. Tio validas despli, se oni konsideras, ke la saman protokolon oni sendis aparte, kiel plimultigitan tekston, al komitatanoj.
Do **duoblaj laboroj** kaj **duoblaj elspezoj.**
Laŭ mia opinio la sendo de la detala protokolo al la komitatanoj sufiĉas.

Se vi permesas, mi tuj atentigas al alia duoblaĵo sensenca. La resumon pri la landaj raportoj oni plimultigas kaj disponigas al la komitatanoj dum la kongreso, sed la saman tekston oni poste publikigas en IF. Do, ankaŭ ĉi-tie **duoblaj laboroj** kaj **duoblaj elspezoj.**
Ekzistas tri vojoj por estonta agado: aŭ oni ne plu plimultigu la tekston aŭ oni ne plu aperigu ĝin en IF. Nova solvo estus plimultigi la tekston por disponigi ĝin al redakcioj de la esperanta gazetaro aŭ al la komitatanoj de UEA, ekzemple. Antaŭkondiĉo tamen estus la ŝanĝo de la raporto laŭ sia prezenta formo.

**Kongrespropono n-ro 8**

K. Greutert, komitatano por Svislando, proponas:
a) forstreki en la protokolo pri kunsido estraro/komitato ĉion menciitan sub punkto 13. Kongresproponoj – Propono 5. (en IF n-ro 3/1976, paĝo 33).

b) jenan novan tekston, kiu anstataŭigu la forstrekitan tekston:
Propono 5:
Pr ankoraŭfoje klarigas koncize la situacion ekkoneblan el la propono mem.
Ĉk ne deziras aldoni ion.
Pr Giessner informas la ĉeestantojn, ke la komitato jam detale pritraktis tiun aferon. La situacio hodiaŭ estas tiel, ke malgraŭ ĉiuj niaj provoj havi kontakton skriban aŭ personan kun la respondeculoj de Pola Esperanto Asocio (PEA), precipe kun s-ro Swistak, ni ne progresis. La ĝisnuna IFEF-komitatano Nawrowski redonis sian oficon fine de 1975. PEA jam pli frue anoncis novan respondeculon, kiu tamen laŭ niaj scioj neniam estis membro de IFEF. Mankas ankoraŭ la kotizoj de 1974 kaj 1975 spite al multnombraj admonoj kaj spite al skriba promeso pagi ilin. Tamen niaj polaj membroj, ŝajne kaj laŭdire, pagis ĉiujn tiujn kotizojn al PEA. Praktike la ĝisnuna landa asocio ne plu ekzistas, ja laŭ nova pola dekreto ŝajne ne plu rajtas ekzisti en sia ĝisnuna formo. Laŭ statuto IFEF § 10 (2) kaj al (1) la komitato nun devas esplori la situacion.
En korespondado ni atentigis la polajn adresitojn, ke IFEF sub tiaj kondiĉoj devos eksigi sian polan l.a. La estraro rekomendas al la k-o, konsenti tian eksigon. Estas memkompreneble, ke

IFEF akceptos aliĝpeton de nova pola l.a. se ĝi plenumos ĉiujn respektivajn punktojn de nia statuto.
Voĉdono pri eksigo: 20 jes, 6 sindetenoj.
Tiel la proponon 2 ne necesas trakti.
Narvala (SF) akcentas, ke nia agado ne sin direktas kontraŭ la polaj kolegoj, sed instigu la polajn instancojn agi.

c) la decido pri forstreko de malnova teksto kaj la kompleta nova teksto devas aperi en IF.

**Komentario:** La celo de protokolo estas dokumentigo (en kelkaj kazoj eĉ leĝa) pri la evoluo de kunsido kaj prenc de decidoj. La teksto publikigita en la protokolo Skelleftea, sub kongres-propono 5, evidente falsigas la bildon pri la evoluo de la diskuto. Nepre ne estas tolereble, ke oni enŝovas en tian protokolon protokolparton el tute alia kunsido, kiu, mi diras tion komple-tige "estis nepublika" kaj sekve, laŭ iama decido de la sama estraro/komit-ato, "neniu rajtas publikigi ion pri diskutoj aŭ decidoj prenitaj en tia kunsido".
Se mi, kiel Ĉk, deziris nenion aldoni al mia raporto farita aliloke, tiam eviden-te mi havis iun kaŭzon. Estas tro evi-dente, ke en rondo de kunlaborantoj pli aŭ malpli intimaj, kiuj jam estas pro pli fruaj pritraktoj iomete informitaj, oni raportas pli sincere, pli detale. En maniero diferenca ol antaŭ granda publiko ne preparita kaj nenion scianta. Tio validis despli, ĉar mi havis la cert-econ kaj la komforton paroli en "ne-publika" kunsido, do en kunsido pri kiu oni ne rajtas publikigi ion. Sed mi estis trompita de la protokolo, kiu malrespektis tiun simple ĝustan kaj justan protokolon. Aŭ ĉu la prezidanto ne povas subskribi tiujn vortojn kiujn **li** direktis dum la koncerna kunsido al la komitato kaj gekongresanoj?

la ĉefkomitatano:
Kurt Greutert.




**MEMBROSTATO DE IFEF 1975**

| | **1976** | **1975** |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 202 | 202 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | 31 | 31 |
| Bulgario | 110 | 150 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 60 |
| Danio | 75 | 76 |
| Finnlando | 22 | 25 |
| Francio | 403 | 405 |
| Germanio | 807 | 846 |
| Hispanio | 200 | 230 |
| Hungario | 211 | 201 |
| Italio | 130 | 130 |
| Japanio | 20 | 20 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 86 | 93 |
| Norvegio | 53 | 53 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 160 | 170 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 14 | 12 |
| Adoptitaj membroj | 20 | 20 |
| | 2.844 | 2.986 |

Tolne la 18.1.1977.

La kasisto: H. HAUGE

# RAPORTO DE LA KASISTO POR LA JARO 1976

| **Enspezoj:** | | **da. kronoj** | **Elspezoj:** | **da. kronoj** |
|---|---|---|---|---|
| Kotizoj | 30.512,63 | | Internacia Fervojisto | 30.183,09 |
| adoptaj | 144,00 | | Estraraj kunsidoj | 2.466,34 |
| antaŭpag. | 19,00 | 30.675,63 | Administrado | 1.527,33 |
| Kotizoj nepagitaj | | 1.932,00 | Kotizo UEA | 344,64 |
| Rentumoj | | 1.753,15 | Reprezentado | 984,62 |
| Vendo afiŝoj | | 290,00 | Japana fonduso | 769,31 |
| Japana fonduso | | 769,31 | Kongresa garantia fonduso | 1.681,36 |
| Kongresa garantia fonduso | | 1.681,36 | Diversaĵoj | 491,08 |
| | | 37.101,45 | | 38.447,77 |
| Plielspezoj | | 1.346,32 | | |
| Sumo | | 38.447,77 | | 38.447,77 |

# BILANCO JE LA 31-a DE DECEMBRO 1976

| **Aktivoj:** | **da. kronoj** | **Pasivoj:** | | **da. kronoj** |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 397,97 | Kongresa garantia fonduso | | 4.857,15 |
| Poŝta ĝirkonto | 4.345,95 | Japana fonduso | | 3.943,82 |
| Bankkonto Provinsbanken | 9.903,00 | Jubilea donacaĵo | | 1.907,75 |
| Bankkonto Provinsbanken | 458,10 | Havaĵo 1.1.1976 | 36.417,94 | |
| Bankkonto Praha | 1.187,33 | Havaĵpliigo | 1.346,32 | |
| Bankkontoj Romanshorn | 27.554,99 | Havaĵo 31.12.1976 | | 35.071,62 |
| Nepagitaj kotizoj | 1.932,00 | | | |
| Inventaro | 1,00 | | | |
| | 45.780,34 | | | 45.780,34 |

Tolne la 17-an de januaro 1977
La kasisto:

H. HAUGE

Århus la 18-an de januaro 1977
La revizoroj:

A. KLAUSEN
R. MIKKELSEN
F.G. NIELSEN

---

DANKON . . .

**Al ĉiuj niaj membroj kaj geamikoj, kiuj okaze de la festotagoj direktis salutojn kaj bondezirojn al IFEF mi nome de ĉiuj estraranoj tutkore dankas.**

**La Sekretariino.**

## INTERKONGRESA RENKONTIĜO DE TERMINARA KOMISIONO EN BUDAPEST

Okazis la unuan fojon en la historio de IFEF kongresoj, ke la Terminara komisiono okazigis tri kunsidojn dum la kongresa semajno. La motivo estis, ke oni pritraktu la amasiĝantajn dubajn terminojn, respektive la dubajn traduk-proponojn. Montriĝis tamen, ke ne ĉiuj terminaraj kunlaborantoj povis partopreni ĉiujn kunsidojn. Aliflanke la rezulto estis minimuma; oni fintraktis nur tri dubajn terminojn. Supozeble pro tio, ĉar la ceteraj kongresaj programeroj sufiĉe ŝarĝis la kongresanojn, precipe la terminarajn kunlaborantojn. Tiel oni venis al konkludo, ke oni aranĝu interkongresan renkontiĝon. La inviton faris la hungaraj kolegoj al Budapest por la unua fojo.
La interkongresa renkontiĝo okazis la 27an kaj 28an de novembro 1976. La hungaraj kolegoj metis je tagordo 88 dubajn terminojn el stoko de litero C. Laborante laŭ interkonsentita labormetodo kaj antaŭ- kaj posttagmeze dum 2 - 3 horoj oni sukcesis konsideri la traduko-kontribuaĵojn el sep landoj kaj fintrakti ĉiujn prezentitajn traduk-proponojn. Solaj aranĝoj krom la terminara laboro estis la komuna rondveturo per aŭtobuso tra la ĉefurbo kun interpretisto kaj la aranĝo por edzinoj dum la edzoj kunsidis.
La kontentiga rezulto de kunsidoj fariĝis bazo dum la ferma kunsido por sugesti, ke la estontaj interkongresaj renkontiĝoj fariĝu regula labormetodo de TK kaj oni esploru iliajn okazigojn laŭ la statuto de IFEF, respektive ĝia Regularo por la Terminara komisiono.

Kompilis
Inĝ. Ludoviko Sekereŝ.

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ







### ITALIO

S-ro Gimelli sciigas:
Antaŭ kristnasko mi partoprenis samtempe al du filatelaj fervojistaj elmontroj en Firenze kaj Bologna. Rilatas al 7-a Interdepartementa Fervoja Filatela elmontro en Firenze. Ĝi memorigis la 70-an datrevenon de la traboro de la Simplon-tunelo. Okaze de tiu elmontro mia kolekto de Esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj gajnis grandan pokalon. Strangaĵo: La oficiala poŝtstampo estas erara, ĉar neniam vaporlokomotivo trairis sub la tunelo; kiel evidentigas la stampo de la organizantoj kiu montras la elektran lokomotivon, kiu efektive trafikis sub la tunelo. Samtempe okazis en Bologna filatela elmontro de "Dopolavoro Ferroviario" kiu memorigis la Centjaran datrevenon de la Internacia Kompanio de Lit-Vagonoj. Ankaŭ tie mia kolekto gajnis premion.

## ADMINISTRAJ INFORMOJ

**La estraro kunsidis en Köln**

La 13./14.11.1976 la estraro kunvenis en Köln (Kolonjo) en Germanio por sia aŭtuna kunsido. La ĉefaj traktaĵtemoj estis la kongresprogramo 1977 kaj la tagordoj por la 29a IFEF-kongreso, eventuala rezolucio, la ĝis nun daŭre nekontentiga evoluado en Polio kaj tiu en kelkaj aliaj landoj, financaj aferoj, problemoj konekse al "Internacia Fervojisto", la agado resp. neagado de diversaj komisionoj kaj la eksteraj rilatoj. La ampleksa tagordo komplete estis traktita dum preskaŭ 12 horoj kaj en kutime agrabla harmonio.

**Grava peto al la landaj asocioj**

La estraro petas ĉiujn landajn estrarojn, kiuj ĝis nun ne anoncis landan kunlaboranton por la Historio-Komisiono, nepre ĝis la kongreso en Swanwick fari decidon pri tio (komp. protokolon de Skelleftea pkt. 7.2). Por landoj, kiuj ne nomumos tian kunlaboranton, la komisiono ne povos antaŭvidi lokon en la planata historio-broŝuro.

**PRESKAŬ MALPLENA estas nia ADOPTA KASO**

Ni petas la tutan membraron helpi, ke tiu ĉi kaso denove pleniĝos. Ĝi ebligis al ni dum jaroj membrigi al IFEF kolegojn en landoj, el kiuj estas malfacile ĝiri kotizojn.
Pagojn bonvolu direkti aŭ tra via landa kasisto aŭ rekte al la konto de IFEF: Provinsbanken, konto n-ro 7353 - 350550, DK-9800 - Hjørring, Danio kun indiko: favore al Adopta Kaso.

## NEKROLOGOJ

**ITALIO**

La ĵus finita jaro 1976-a estis superjaro kaj laŭ Itala diraĵo superjaro estas ĉiam malbonŝanca. La jaro 1976-a estis aparte malbonŝanca por ni, italaj fervojistoj-esperantistoj, ĉar mortis preskaŭ samtempe la fratoj D'AMICO, Siciliodevenaj sed de longe ili deĵoris fervoje en Bologna.

La 27-an de majo mortis subite p.i. Giuseppe D'Amico, kromnomita "Pippo" (li trairis subite frumatene de la dormo al la morto). Tio okazis semajnojn antaŭ nia kongreso en Skelleftea. P.I. Giovanni, kiu pro la morto de la frato ne partoprenis en la kongreso en Svedio, mortis la 15-an de oktobro post mallonga sed grava malsano, ne kuracebla.
Ili ambaŭ, kune kun la edzinoj partoprenis en ĉiuj niaj lastaj fervojistaj esperanto-kongresoj, estis miaj amikoj, laboris en mia sama oficejo, pensiumiĝis preskaŭ samtempe kaj loĝis en mia sama domo.

Germano Gimelli.

**FRANCIO**

Kun vera malĝojo ni ekscias pri la forpaso de nia malnova kaj fidela amiko

**Jean CHAPELIER,** la 26an de decembro, je la aĝo de 69 jaroj.

Pioniro de FFEA, delegito kaj fakdelegito de UEA, li partoprenis multajn kongresojn kaj gvidis kursojn.
Al lia familio, ni esprimas niajn sincerajn kondolencojn, certigante ke ni ne forgesos nian amikon.

FFEA.

# ANONCETOJ

**Vivu Esperanto!**
**Sed ni devas klopodi, por ke ĝi vivu!**

Jen moto de la **nova broŝuro** de nia germana kolego H.D. Hartig (Bremen). Ĝia titolo:

**Aktivu - Progresu, vojo al sukceso.**

Post la "Konversacia Kurso" H.D. Hartig prezentas nun per tiu kompreneble **pure esperantlingva** broŝuro konsilojn kaj instigojn por ĉiuspeca agado en lokaj aŭ pli grandaj societoj, por kursoj, raportoj, prelegoj ktp.
En sia antaŭvorto la aŭtoro prave tuŝas unu el la plej tiklaj problemoj kaj mankoj de nia poresperanta laboro, skribante: "Ĉiu organizo, ĉu komerca aŭ politika, uzas la plej modernajn metodojn por atingi la celon. Kaj ni esperantistoj? ! ?"
Kaj la aŭtoro daŭrigas: "Se ni volas atingi nian celon, ni devas utiligi la plej modernajn kaj la plej taŭgajn rimedojn. Ili tute ne estas sekretaj."

Gvidantoj de lokaj societoj, estraranoj, prelegantoj, raportantoj, verkantoj: Havigu al vi tiun ĉi broŝureton! En ĝis nun ne spertitaj koncizeco kaj kompleteco ĝi donas bonege aranĝitan superrigardon pri ĉio, kion ni esperantistoj urĝe bezonas por pli altgrade efiki nian multflankan agadon.
**Broŝuro nepre rekomendinda kaj pli ol malmultekosta!**
Bonvolu mendi ĉe Ludwig Pickel, Postfach 2113, D-8500 Nürnberg 1, Germanio. La prezo estas nur 3,80 GM plus 0,40 GM por afranko.

**Peto el Munkeno**

La Fervojista Esperanto Grupo Munkeno petas niajn eksterlandajn asociojn, sendi nacilingvajn informilojn kaj flugfoliojn pri Esperanto kaj se estas eble, du- tri lernolibrojn, kontraŭ pago kompreneble.
Dum niaj varbkampanjoj kaj ekspozicioj montriĝis jam kelkfoje, ke esterlandaj interesuloj demandis pri nacilingvaj broŝuroj.
Kiu volas helpi nin? Ni volas meti niajn venontjarajn agojn sub la slogano, "Eŭropajn balotojn, en kiu lingvo?".
Ni kore dankas al ĉiu helpanto.
Josef Weidacher, Schneefinkenweg 11, 8000 Munkeno 82, Germanio.

# GRAVAJ ENHAVAĴOJ


| | pağo |
|---|---|
| **Programo de la 29-a IFEF kongreso** | **3** |
| **Tagordo por la kunsidoj de la 29-a IFEF kongreso** | **7** |
| **Kongresproponoj** | **8** |
| **Kasista raporto** | **13** |
| **Administraj informoj kaj Nekrologoj** | **15** |


**La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.1977.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.